# KIEL NIN POVAS HELPI NIAJ KONKURANTOJ („MALAMIKOJ“)?

*N. P. Evstifeiev* en Troickosavsk, Rusujo Azia.

Kiu ne estas kontraŭ
ni, estas kun ni . . .

Se Veron oni povas simboligi per 1, Malveron oni devus simboligi per ± ∞, ĉar, kiel oni diras ordinare, Vero estas unu, Malvero do estas senlima kaj nelimigebla. Ĉi tio estas la kaŭzo, kial la Vero estas tiel malfacile eltrovebla, tiel diverse difinebla, tiel senfine diskutebla . . . La Vero estas unu kaj ĉi tio estas ĝia malprofito, la Malvero ĉirkaŭŝirmas ĝin de ĉiuj flankoj, ĉar Malvero estas tre multeflanka, tre diversekolora, tre riĉa per nuancoj . . . Eble tial la Malvero estas tiom influa, tiom potenca, tiom ĉarma, ĝi allogas al si eĉ per sia diverseco, ĝi ne estas unuflanka, akra, senkolora kiel nuda Vero ĉiam la sama, de ĉiuj flankoj egala . . . Eble tial unuj interne amas nur vojon al Vero, sed ne Veron mem, pri kiu ili malzorgas, aliaj eĉ sincere konfesas, ke ili ne amas Veron kaj ne zorgas pri ĝi kaj preferas ĉion, kio ŝirmas, kovras, kaŝas Veron . . . Unuj proklamas, ke vercelado estas pli ŝatinda, pli nobliga ol Vero, aliaj konfesas, ke realaj iluzioj estas pli konservindaj, pli zorgindaj, pli vartindaj ol ideala Vero . . . ne atingebla, *se eĉ* ekzistanta . . . Kaj ĉu ekzistanta? Kian pruvon nerefuteblan[1], objektivan oni povas doni pri tio? . . .

Eternaj demandoj, senfinaj disputoj! *Quot capita, tot sententiae*; en libera internacia traduko mi dirus: *Kiom da kapoj, tiom da ĉapoj* por esprimi tri pensojn: 1. pensoj estas malsamaj, ĉar ili estas, 2. alkonformataj kontraŭvole al naturaj emoj de kapoj, 3. konscie aŭ senkonscie al personaj gustoj kaj ideoj de bonfarteco de kapposedantoj.

Tial mi ĉesu nekvieteblajn demandojn tro larĝajn kaj transiru al apartaj malkvietaĵoj Esperantistaj.

---

[1] Por bohemoj: refuti = vyvraceti (námitky).

S-ro Lorenz ĝis nun ne trovis sistemon, kiu al li plaĉus *ĉiuflanke*[1]; mi substrekas kaj petas vin rimarki — »ĉiuflanke«; ĉi tio signifas, ke s-ro Lorenz ĝis nun ne trovis ĉiuflankan perfektecon, absolutan perfektecon, ion sendifektan, nesuperreblan, neperfektigeblan, superkritikan, unuvorte ian neeblaĵon, neatingeblaĵon, ĉar ĉia absoluteco estas nur *limo*, limo neatingebla, kvankam alloganta. Se ĝi estus kaptita, fiksita kaj montrita al ni en ies mano, ni sendube trovus, ke tio povas esti plibonigita, io alia povas esti aldonita kaj ankoraŭ io elĵetita, ĉar absoluta perfekteco estas nur celo, nur idealo, nur gvidanta lumo nedifinigebla per niaj rimedoj, *alie ĝi tuj perdus sian absolutan kaj perfektan signifon.* Ni persone estas tro neabsolutaj, tro neperfektaj por ŝati kaj kompreni absolutan perfektecon. Se ĉi tio estas vera universale, ĉi tio estas duoble vera en lingvaj demandoj. Ni ĉiuj estas profunde kaj plej diverse (ĉar Malvero estas $\pm \infty$) difektitaj, apartigitaj per niaj gepatraj lingvoj, — kiel ni povus uzi absolute perfektan lingvon? Absolute perfekta lingvo estus la plej malfacile uzebla por ni ĉiuj, — ni povas nun uzi nur unuan ŝtupon al simila idealo, fari nur unuan paŝon al grada liberiĝo de niaj personaj disigaj inokulaĵoj. S-ro Lorenz ne deziras iri kun ni paŝo post paŝo, ne perdante nek celon gvidantan, nek teron apogantan, li preferas transflugi unufoje... Bonan vojaĝon al nova Ikaro! Krom ŝercoj, nia lingvo estas la plej sintetika el ĉiuj ekzistantaj kaj proponataj, sed kompreneble ĝi estas nur kompromisa lingvo, nur tempa kaj loka rezultato de reciproke frotantaj agantoj, direktita al la ekstera celo, sed difinita per la interne donitaj kondiĉoj. Ĝi estas praktika, sed ne metafizika problemo.

Ĉu ni devas timi perdon, deklinon de nia »rezultata« linio pro alflankiĝo de s-ro Lorenz kaj aliaj, ĉar kredeble li ne estas sola en la disreviĝo? Ne, ĉar en plene kontraŭa direkto tiras nian komunan aferon laŭ siaj fortoj s-ro L. Bollack, kiu en sia artikolo »Vers la langue Internationale« aludas, ke lia lingvo estas pli bona ol nia, ĉar lia lingvo ne estas tiom perfekta, kiom nia, nia do, laŭ lia opinio, estas tro perfekta. La sumo de kontraŭ-

[1] S-ro Evstifeiev aludas la leteron, kiun ricevis J. Holub de s-ro Lorenz, kaj kies parto estis publikigita en la Nro 2-a de »Revuo Internacia«, paĝo 53-a. La redakcio.

agantaj fortoj do estas nulo kaj lasas la komunan iron sen ŝanĝo. Ni do lasu s-rojn Lorenz kaj Bollack priĵuĝi ilian disputon.

Volapükistoj kulpigas nin, ke nia lingvo estas tro novlatina, tro romana . . . Ni aŭdas ĉi tion el maldekstre, sed el dekstre ni aŭdas latinistojn, kiuj proponas simple uzi latinan lingvon, kaj fine ni aŭdas Idiom Neŭtralistojn, kiuj preparis sian idiomon per plua romanigo de Esperanto . . . Videble ili havis kelkajn igojn por ĉi tio? Tiam ni povas ankaŭ eliri el la disputejo kaj lasi s-rojn Volapükistojn kaj s-rojn Novromanistojn morti aŭ venki unu la alian, ĉar ili estas pli kontraŭaj *reciproke*, ol ĉiu el ili *al ni*.

Favora kaj enviinda situacio! Kial ĉi tio okazis? Ĉar en aŭtoro de nia lingvo estis sufiĉe da genia gusto kaj sento por trovi ĉiam la *mezan* vojon (mi dirus la veran vojon, se mi ne timus la mortigan kaj disigan esprimon) kaj la aliaj nur blinde eksterblovas diversajn apartajn ekstremecojn kaj apartecojn, ĉar ĉiu sentas kaj ŝatas nur ian parton de l' tuto.

Rimarko. Unu malgranda okazo de l' simila puŝo de diskutantaj kaj kontraŭ kurantaj personaj opinioj. S-ro M. D-k en Pr.[1] taksas akuzativon tiel tute senutilan (dum efektive akuzativo, objekta kazo, estas la sola necesa kaj utila formo krom nominativo, subjekta kazo) kaj s-ro K. K. taksas multe pli bone krei por akuzativo specialan prepozicion por . . . ekstera simetrio, por imiti morte naskitajn kaj nesukcesintajn »Veltparl«, »Reform-Latein«, por konsekvenco al leĝoj tro metafizike formulitaj kaj komprenitaj de ili, por distingiĝi de ĉiuj eŭropaj lingvoj kaj alproksimiĝi al la japana! Ĉu ne estus la plej utile proponi al ili decidi la disputon per »juĝo Dia«? *N. P. E.*

LAMARTINE.

*Nenio estas pli bedaŭrinda ol malgrandigado de malamiko.*

H. TH. BUCKLE.

*Ĉiu reganta religio estis iam herezo.*

GOETHE.

*Tute ne ekzistas ia patriota arto kaj patriota scienco.*

[1] Vidu en »Revuo Internacia« la paĝojn 29-an kaj 95-an.
La redakcio.

## NEMOŽNOST MEZINÁRODNÍHO JAZYKA »NÁRODNÍHO«.

Francouzsky napsal univ. prof. *Dr. L. Couturat* — přel. *J. F. Khun.*

Zdánlivě nejjednodušší rozřešení, které se nám nejprve nabízí, jest vyvolení některého ze živých jazyků za jazyk světový. Ale myšlenka ta je neproveditelná a jediná, kterou nutno předem již vyloučiti. Ve skutečnosti jeť nemožno, by se veškeří národové sjednotili v tom, aby za mezinárodní přijat byl jazyk některého z nich. Příčilo by se to nejen oprávněnému sebevědomí národů, ale i zájmům jich politickým a hospodářským, neboť zjednávalo by favorisovanému (upředněnému) národu ohromnou převahu v obchodě, ano i ve vědě. Jazyk národa je svodnicí jeho ideí, jeho působení, výtvorů jeho, ano i způsobů, mravu, je také vtělením jeho ducha, symbolem (znakem) národní jednoty jeho, neodvislosti a povýšenosti. Nikdy by velicí národové nepřivolili, by se měli poníižiti před některým jiným, uznávati jakousi jeho hegemonii (nadvládu, prvenství) a státi se jeho podporovateli.

Dodejme k tomu, že žádný jazyk národní nemůže činiti nároků na význačnou superioritu (převahu) nad ostatními; žádný není jednoduchý, pravidelný a ideálně dokonalý. Všechny mají rozmanité obtíže, skoro stejně závažné: zbytečnou složitost, nesčetné výjimky, mezery i titěrnosti. I kdyby filologové (jazykozpytci) všech zemí odložili národní sebelásku, aby byli s to uvažovati o logických vlastnostech rozličných jazyků, nedospěli by ke shodě ani o nejlepším z nich. Poněvadž pak takováto mezinárodní dohoda je tedy nemožna, je třeba, by ve společném zájmu zřekli se národové přeludných nadějí a neospravedlněných nárokův a přijali jazyk neutrální, který by nevyžadoval obětí na jejich hmotních a mravních zájmech, ani na jejich ješitnosti.

## LA MONDO INTERNACILINGVA.

### LINGVO INTERNACIA POR KULTURAJ RILATOJ.

En unu el la plej disvastigitaj rusaj literatura-politikaj ĉiumonataj eldonaĵoj, nome en la februara Nro de la revuo »Ruskaja Misl« (Rusa Penso) por nuna 1903 jaro — estas presita vasta kaj detala artikolo de Vl. Lesevič sub la titolo: »Lingvo internacia por kulturaj rilatoj«. La aŭtoro entute skeptike rigardas »la lingvon

tutmondan« — pri kio li jam parolis sur la paĝoj de la sama revuo, kritike analizinte diversajn provojn de lingvo tutmonda. Konstatinte, ke en la pasinta jaro pri lingvo internacia aperis multaj artikoloj kaj broŝuroj, kies aŭtoroj estas homoj seriozaj kaj instruitaj, kaj ke la demando persiste eliras en la scenon kaj postulas ian solvon, s-ro Lesevič diras, ke silentigi ĉi tiun demandon jam estas neeble, ĉar ĝi persiste postulas detalan analizadon kaj sen deca motivado ne povas esti nek akceptita nek taksita. Sed ĉi tie la aŭtoro klarigas, ke li parolas ne simple pri lingvo tutmonda, sed pri lingvo internacia por kulturaj rilatoj. Li parolas pri la artikolo de H. Gaidoz — »Langues de l' Etat et langues nationales« en la julia Nro de »Annales de Sciences politiques« 1899 jaro; pri la artikolo de s-ro Breal en la julia Nro de »Revue de Paris« 1902 jaro koncerne la projekton de Paul Chappellier; pri la artikolo de prof. Dro Ernst Beermann »Zur Weltsprache-Frage«, Erfurt 1901. Interalie li tuŝas la projekton de la revivigo de l' malvivaj lingvoj (latina) de Charles Bally, privata docento de l' universitato en Ĝenevo; plu li parolas pri la projekto de prof. Diels, »novi latin«, kaj fine li priskribas, kiel en la filozofia kongreso en Parizo (1900) naskiĝis decido fondi »Delegacion por la enkonduko de helpa lingvo internacia«, donas kelkajn detalojn pri ĝi kaj longe haltiĝis ĉe la artikolo kaj argumentoj de prof. Couturat. Konsiderante tute objektive la demandon kaj analizante ĝin ekskluzive de la teoria-scienca vidopunkto, la aŭtoro nur en 2—3 lokoj ekmemoras tute maljese Volapükon. Pri Esperanto, pri kiu la aŭtoro sendube scias, li parolas nenie. Sed li citas la plej grandan parton de l' artikolo de prof. Couturat, al kiu li havas grandan konfidon kaj estimon, kaj finas sian artikolon per la sekvantaj vortoj: »Malcerte oni povas dubi, ke la nova starigo de l' demando pri lingvo internacia, subtenita per kolektivaj fortoj de la sciencaj societoj kaj plifortigita per talento kaj entuziasmo de tiaj profetantoj — kia estas prof. Couturat — dubi, ke efektive la demando fine eniras tiun vojon, kiu ĝin alkondukos al praktika solvo. En nuna momento antaŭ niaj okuloj fariĝas sociala eksperimento, kies grandan signifon estas neeble nei kaj de kies favora rezultato oni devas kompreneble atendi multajn bonajn sekvojn«.

Kiŝinev, Rusujo. Dro *A. M. Grünfeld.*

JUBILEO DE VOLAPÜK. La Volapüka centra organo »Volapükabled lezenodik« publikigis en sia aprila (1903) numero la sekvantan alvokon: »Al ĉiuj fidelaj volapükistoj! La 31-an de marto Volapük atingis la 25-an jaron de sia ekzistado. Ĉe tiu okazo »Volapükaklub zenodik plo Stirän in Graz, Löstän«, opinias kiel sian devon inviti ĉiujn fidelajn volapükistojn de la tuta mondo dediĉi honoran monon al la plej estimata sinjoro »datuval« (aŭtoro, elpensinto), kiu laboras senlace por fini novan grandan vortaron, kvankam li ne havas en dispozicio bezonan monon, ĉar, escepte malgrandan pension, li ne posedas sufiĉajn rimedojn financajn por pagi grandajn elspezojn, kunligitajn kun la eldono de l' vortaro. La helpo dezirata por la »datuval« estas certe honora ŝuldo de ĉiu volapükisto. Tial ni petas sendi kotizaĵojn rekte al la plej estimata sinjoro »datuval«; ankaŭ la plej malgranda kotizaĵo estos honoro por afabla donacinto. Eĉ la domo plej granda estas konstruata el

ŝtonoj malgrandaj! Ne forgesu jubileon de nia plej kara Volapük kaj la »datuvalon«, ĉiam plej estimatan! La komitato de Volapüka klubo por Stirujo.« — *s.*

NOVA LINGVO INTERNACIA. En Germanujo estas kreata (ne ankoraŭ kreita) nova lingvo internacia, kies nomo estas »Tal«. Oni ne povas jam hodiaŭ doni pri ĝi precizan kritikon, ĉar la gramatiko ne estas ankoraŭ plene publikigita. La aŭtoro de »Tal« presas ĝin po partoj en la gazeto »Talnovos«, de kiu aperis ĝis nun nur 2 numeroj. La unua impreso nia estas, ke la nova lingvo estas tro komplikita (interalie ankaŭ multaj novaj literetoj) kaj ke la aŭtoro troviĝas en la malnova eraro: malloŋgeco—facileco.

La gazeto »Talnovos« (skribata en la lingvo germana) estas eldonata ĉiumonate de Albert Hoessrich en Sonneberg in Thüringen. La duonjara abono: 1·50 Mk.

# ZÁJMENA.

Píše *J. Holub.*

## ZÁJMENA ZVRATNÁ.

(V české učebnici od Č., B. a H. na str. 16, cvičení 18.)

Esperanto má dvě zájmena zvratná: *si* = se a *sia* = svůj.

### 1. Zvratné osobní *si*.

*Si* překládáme do češtiny zájmenem »se.«

*La ĉevalo sin paŝtas.* Kůň se pase. (K *si* je přidána přípona čtvrtého pádu *n.*) — *La ĉevalino sin paŝtas.* Kobyla se pase. — *La ĉevaloj sin paŝtas.* Koně se pasou.

Zájmena *si* užívá se poněkud jinak než českého »se.« Kde se ho užívá rozdílně a kde shodně s českým »se,« chci objasniti v řádcích následujících.

### Mluvnická osoba první a druhá.

Příklady. *Mi lavas min.* Myji se. (Myji »mne«). *Mi vestas min.* Oblékám se (»mne«). — *Kaj nun mi rakontos pri mi.* A nyní budu vypravovati o sobě (o »mně«).

*Ni lavas nin.* Myjeme se (»nás«). *Ni vestas nin.* Oblékáme se (»nás«).

*Vi lavas vin.* Myjete se (»vás«). Nebo dle okolností: Myješ se (»tě«). *Ĉu vi razas vin mem?* Holíte se (»vás«) sám? Holíš se (»tebe«) sám? Holíte se (»vás«) sami?

Pro osobu první a druhou neužívá tedy Esperanto zájmena *si* nýbrž zájmen osobních.

Bylo by nesprávno říci: *Mi lavas sin, ni vestas sin, vi razas sin.* Správno je: *Mi* lavas *min, ni* vestas *nin, vi* razas *vin.*

Mluvnická osoba třetí.

Toliko v třetí osobě užívá se zájmena *si*, a znamená, že děj z činného podmětu vycházející k němu samému se vrací.

Příklady. — *Li lavas sin.* On se myje. (Myje se). *Ŝi kombas sin.* Ona se češe. (Češe se). — *Ĝi jam vestas sin.* Ono se již obléká. (Obléká se již). *Ili vestas sin.* Oni se oblékají. (Oblékají se). Dle okolností může se též přeložiti: Ony se oblékají. Ona se oblékají.

*La knabo rakontis pri si.* Hoch vypravoval o sobě.
*La knabino rakontis pri si.* Dívka vypravovala o sobě.
*La infano rakontis pri si.* Dítě vypravovalo o sobě.

*Li parolis nek pri li, nek pri si.* Nemluvil ani o něm ani o sobě. — *Ŝi amas lin pli ol sin mem.* Ona jej miluje více než samu sebe.

Poznámky. — V Esperantu se zájmena zvratného *si* neužívá tak často jako v češtině »se.« Řekl jsem již, že *si* je vyhraženo jen pro *třetí* osobu. Ale i mimo to ne všechna slovesa, která v češtině jsou zvratná, jsou zvratná i v Esperantu.

# LA LETERO PRI KARMO[1]

de *L. N. Tolstoj.*

(Publikigita en la rusa ĵurnalo »Niva«, marto 1903.)

Beljajevka, la 7-an de februaro, 1892.

Vi demandas min pri la buddhista ideo »Karmo«. En la songô ni vidas preskaŭ precize same, kiel maldorme. Ŝajnas, ke Paskal diras tiel: ›Se ni vidus nin en la sonĝo ĉiam en la sama stato kaj maldorme en alia, ni kal-

[1] »Karmo«, kiel oni scias, estas buddhista instruo pri la rekompenco, sin trovanta en la intima interligo kun la instruo pri la transmigro de animoj. Ĉiu viva ekzistaĵo estas rezultato de la grandega vico de aliformiĝoj. Ju pli virta estis nia vivado en la pasinta tempo, des pli proksime ni alpaŝas al morala perfekteco en la nuna kaj la estonta tempo. Buddha mem antaŭ sia naskiĝo supervivas 550 tiajn aliformiĝojn. La instruo pri »Karmo« staras en la intima interligo kun la instruo de nuntempaj naturesplorantoj pri la

kulus la sonĝon realeco kaj la realecon sonĝo . Tio ne estas tute justa. La realeco diferencas de la sonĝo per tio, ke ĝi estas pli reala, pli efektiva. Tiamaniere mi dirus: se ni ne scius la vivon pli realan, ol la sonĝo, ni kalkulus la sonĝon tute vivo kaj neniam dubus, ke tio ne estas vera vivo.

Nun la tuta nia vivo komence de naskiĝo ĝis la morto kun siaj sonĝoj, ĉu ĝi ne estas siavice la sonĝo, kiun ni prenas kiel realan vivon kaj kies realecon ni ne dubas nur tial, ke ni ne scias pri alia, pli reala vivo? Mi ne sole pensas, sed estas konvinkita, ke ĉi tio estas same.

Kiel la sonĝoj en ĉi tiu vivo estas stato, en kiu ni vivadas per impresoj, pensoj, sentoj de la antaŭpasinta vivo, same la nuna nia vivado estas stato, en kiu ni vivadas per »Karmo«, antaŭiranta pli realan vivon, kaj ni kolektas fortojn, preparas karmon por la sekvonta pli reala vivo, el kiu ni estas elirintaj. Kiel ni supervivas milojn da sonĝoj en ĉi tiu nia vivado, same ankaŭ ĉi tiu nia vivado estas unu el miloj da tiuj vivoj, kiujn ni eniras el tiu pli reala efektiva vivo, el kiu ni eliras, enirante en ĉi tiun vivon, kaj reiras mortante. Nia vivado estas unu el sonĝoj de tiu pli reala vivo k. t. p. ĝis senfineco, ĝis unu lasta, efektiva vivo — vivo de Dio. La naskiĝo — kaj la komenco de la unuaj ideoj pri la mondo — estas ekdormiĝado kaj la plej dolĉa sonĝo; la morto estas ekvekiĝo.

La frua morto signifas, ke oni vekis la homon, sed li ne sufiĉe dormis. La malfrua morto signifas, ke li sufiĉe dormis, sed dormis jam malforte kaj mem ekvekiĝis. La memmortigo estas inkubo[2], kiun oni detruas nur

heredeco, en kies sekvo karaktero de ĉiu homo estas rezultato de virtoj kaj malvirtoj de liaj antaŭuloj kaj siavice influas per malpera maniero je lia idaro. Tiaĵo estas siaspece »Karmo« t. e. la leĝo pri la rekompenco. Ĉe la buddhistoj ĉi tiu instruo vastiĝis nur en la pli poezian formon. La homo estis povinta iom post iom altiĝi per virto ĝis la diosimila stato, ĝis feliĉego kaj, kontraŭe, per malvirto malsupreniri ĝis la besta stato kaj esti enĵetita inferon. La homa animo estas senmorta: mortante ĝi ĉiam renaskiĝas, kaj la eksteraĵo, kiun ĝi vestiĝas, prezentas nur transiran ŝtupon sur la vojo al feliĉo aŭ, kontraŭe, al eternaj turmentoj. (Rimarko de V. Sisojev.)

[2] Inkubo (ruse кошмар, boheme můra, germane der Alp, das Alpdrücken, angle night-mare, france cauchemar, itale incubo, latine incubus) estas tia stato de dormanto, kiam li sonĝis, ke lian bruston premas koboldo aŭ fantomo, aŭ ia ajn objekto. Ĉi tiu stato estas tiel ŝarĝa, ke la dormanto sufokiĝas kaj mortiga teruro katenas lin. Fine la dormanto embarase vekiĝas kaj sentas sin senfortigita — Rimarko de l' tradukinto.

per tio, ke oni rememoriĝas, ke oni dormas, faras penon kaj vekiĝas. La homo, vivanta nur por ĉi tiu vivo kaj ne antaŭsentanta la alian, — signifas fortan dormon sen sonĝoj. Ĉi tio estas duonbesta stato. Senti dum la dormado kio fariĝas ĉirkaŭe, dormi akrasente, esti preta ĉiuminute vekiĝi — estas konscii eble malklare alian vivon, el kiu oni estas elirinta kaj kiun oni eniras.

Dum la dormo homo estas ĉiam egoisto kaj vivas sola sen partopreno de aliaj, senlige kun ili. Tiu vivo, kiun ni nomas reala, havas jam pli multe da ligo kun aliaj homoj, havas jam ion similan al proksimamo. Do tiu vivo, el kiu ni eliras kaj en kiun ni iras, havas ligon pli intiman kaj la amo estas ne sole io dezirata, sed ankaŭ reala. La vivo, por kiu ĉi tiu vivo estas sonĝo, havas plie da kuneligo kaj da amo, kaj en ĉi tiu sonĝo ni jam sentas, ke tie, eble, ni estos. La fundamento de ĉio jam ekzistas en ni kaj penetras ĉiujn sonĝojn.

Mi dezirus, ke vi min komprenu; mi ne amuzas min kaj ne elpensas; mi kredas ĉi tion, vidas sendube, scias, ke mi mortante estos ĝoja, ke mi aliĝos al pli reala mondo.

El rusa tradukis
Dro *Ivan Abramson*, rusa kuracisto.

# OMBROJ.

Novelo de *Boleslav Prus*.[1]

Kiam la briloj de l' suno estingiĝas sur la ĉielo, de tero leviĝas la krepusko. La krepusko — la granda nokta armeo de miloj da nevideblaj taĉmentoj kaj milionoj da batalistoj. Potenca armeo, kiu de nememoreblaj tempoj batalas kontraŭ la mondo, forkuras ĉiumatene, venkas ĉiuvespere, regas de la leviĝo ĝis la subiro de l' suno kaj tage, rompita, kaŝas sin en nestoj kaj atendas.

[1] Boleslavo Prus (Aleksandro Slovacki) naskiĝis en la jaro 1847. Du vortoj karakterizas tute la enhavon de l' verkoj de Prus: la penso kaj la koro. En la malgrandaj noveloj ni trovas karikaturan kaj satiran priskribon de la riĉuloj kaj ĉiaspecaj potenculoj, senliman kompaton kaj amon en la pentrado de l' infanoj, bestoj, mizeruloj, de ĉio, kio suferas, de ĉio nobla, — ĉie la rido tra la larmoj. Leganto, se vi ne konas ankoraŭ la verkojn de Prus, obeu la anglan proverbon: aĉetu, prenu prunte, ŝtelu, sed nepre legu ilin! — Rimarko de l' tradukinto.

Ĝi atendas en la montaj profundaĵoj kaj en la keloj de l' urboj, en la arbaraj densaĵoj kaj en la lagoj mallumaj. Ĝi atendas kaŝante sin en la eternaj kavernoj de l' tero, en la minejoj, en la kavoj, en la anguloj de l' domoj. Distrita kaj ŝajne forestanta, ĝi tamen plenigas ĉiujn kaŝejojn. Ĝi estas en ĉiu fendo de l' ŝelo de l' arboj, en la faldoj de l' homa vesto, ĝi kuŝas sin sub la plej malgranda sablero, kroĉiĝas je la plej maldika aranea fadeno kaj atendas. Timigita en unu loko, ĝi tuj transiras en alian, uzante ian okazon por reveni tien, de kie oni forpelis ĝin, por surrampi neokupatan postenon kaj superverŝi la teron.

Kiam la suno estingiĝas, la armeo de krepuskoj en densaj taĉmentoj eliras el siaj kaŝejoj, mallaŭta kaj singardema. Ĝi plenigas la koridorojn de la domoj, la vestiblojn kaj la malbone lumigitajn ŝtuparojn, ĝi forlasas sian postenon sub la ŝrankoj kaj tabloj, elrampas en la mezon de la ĉambroj kaj sidiĝas sur la kurtenoj: per la ventoliloj de la keloj kaj per la fenestraj vitroj ĝi elŝovas sin en la stratojn, en surda silento ĝi atakas la murojn, la tegmentojn kaj subatendante sur la pintoj, ĝi restas trankvila, ĝis okcidente paliĝos la ruĝaj nubetoj.

Ankoraŭ unu momento kaj subite leviĝos grandega malluma eksplodo, kiu atingos la ĉielon. La bestoj kaŝos sin en la nestojn, la homo forkuros hejmen; la vivo kiel la planto sen akvo, kuntiriĝos kaj komencos sekiĝi. La koloroj kaj formoj disfluos en neesto; la timo, la eraro kaj la krimo ekregos la mondon.

En tiu momento sur la malpleniĝantaj stratoj de Varsovio aperas stranga homa kreitaĵo kun malgranda flameto super la kapo. Li rapide kuras tra la strato, kvazaŭ lin persekutus la mallumoj, li haltas apud ĉiu lanterno unu momenton, kaj ekbruliginte gajan lumon, li malaperas, kiel ombro.

Kaj tiamaniere ĉiutage. Ĉu sur la kampoj la printempo parfumas ĉion je la bonodoro de la floroj; ĉu bruegas julia fulmotondro, ĉu aŭtunaj ventoj disblovas sur la stratoj polvajn nebulojn; ĉu en la aero flugas vintraj neĝoj — li ĉiam, kiam venas la vespero, trakuras kun sia flameto la stratojn, ekbruligas la lumon kaj poste malaperas, kiel ombro.

De kie vi devenas, homo, kaj kie vi kaŝas vin, ke ni ne konas vian vizaĝon, nek aŭdas vian voĉon? Ĉu vi havas edzinon aŭ patrinon, kiu atendas vian revenon? Aŭ infanojn, kiuj, stariginte en angulo vian lanternetou, surrampas viajn genuojn kaj ĉirkaŭprenas vian kolon? Ĉu vi havas amikojn, al kiuj vi rakontas pri via feliĉo aŭ nesukceso, aŭ almenaŭ konatojn, kun kiuj vi povus paroli pri ĉiutagaj aferoj? Ĉu vi posedas hejmon, kie oni povus trovi vin; nomon, per kiu oni povus vin voki; bezonojn kaj sentojn, kiuj farus vin tia homo, kiel ni? Aŭ ĉu vi vere estas senforma estaĵo, muta kaj nekomprenebla, kiu aperas sole en la krepusko, ekbruligas la lumon kaj poste malaperas, kiel ombro?

Oni respondis al mi, ke li vere estas homo, oni eĉ donis lian adreson. Mi iris tien kaj demandis la pordiston:

»Ĉu loĝas ĉe vi la homo, kiu ekbruligas la lanternojn sur la stratoj?«

»Ĉe ni«.

»Kaj kie?«

»En tiu ĉambreto«.

La ĉambreto estis fermita. Mi rigardis tra la fenestro, sed mi vidis sole simplan liton apud la muro kaj la lanterneton sur alta bastono. La lanternisto forestis.

»Almenaŭ diru al mi, kia estas lia mieno?«

»Kiu povas scii?« — respondis la pordisto, levante la ŝultrojn. »Mi mem ne konas lin bone« — li diris — »ĉar tage li neniam estas hejme.«

Post duonjaro mi venis duan fojon.

»Ĉu hodiaŭ la lanternisto estas hejme?«

»Ho!« diris la pordisto, »li ne estas kaj ne estos. Hieraŭ oni enterigis lin. Li mortis«.

La pordisto enpensiĝis.

Demandinte pri kelke da detaloj, mi forveturis tombejon.

»Montru al mi, tombisto, kie oni hieraŭ enterigis la lanterniston«.

»Lanterniston?« . . . li ripetis. »Kiu povas scii? Hieraŭ oni alveturigis tridek mortintojn.«

»Sed li estas enterigita en la parto por la plej malriĉaj homoj«.

»Alvenis dudek kvin tiaj.«

»Sed li kuŝis en nekolorita ĉerko.«

»Oni alverturigis dek ses tiujn.«

Tiamaniere mi ne vidis lian vizaĝon, mi ne aŭdis lian nomon, mi ne trovis lian tombon. Kaj li restis post la morto, kia li estis dum la vivo: estaĵo videbla sole en la krepusko, muta, senforma kiel ombro. En la krepusko de l' vivo, kie la malfeliĉa homaro eraras palpe, kie unujn rompas la malhelpoj, aliaj falas en profundaĵon kaj neniu scias certan vojon; kie la malfeliĉo, mizero kaj malamo ĉasas la homon, ligitan per la superstiĉoj, — ankaŭ en mallumaj vojoj de l' vivo rapidas lanternistoj. Ĉiu portas super la kapo malgrandan flameton, ĉiu ekbruligas lumon sur sia vojeto, vivas nekonata, laboras neŝatata kaj poste malaperas, kiel ombro.

El la lingvo pola tradukis
Varsovio, junio 1903. Dro »*Kabe*«.

# JAN HUS

vive forbruligita la 6-an de julio 1415 en Konstanz.

»*Je la komenco mem de mia ekkonado mi faris al mi regulon, kiomfoje ajn mi en kiu ajn specialeco ekvidus pli bonan opinion, ke mi volonte kaj modeste forlasos la antaŭan opinion kun plena konscio, ĉar tio, kion ni ekkonas, estas malmulta kompare al tio, kion ni ne ekkonas.*«

Trad. *H.*

* * *

## EL LA HISTORIO DE L' HISPANA INKVIZICIO.

. . . *kaj li estis kondukita al la ŝtiparo por forbruligo. Krankam en la amaso estis multaj, kiuj opiniis, ke tiu homo tamen estas prava — sed estinte instigataj de l' fanatikuloj, ili levadis ŝtonojn kaj kriis kiel ĉiuj aliaj: herezuloj, herezuloj!*

# EL LA MONDO.

En la fino de aprilo 1903 kunvenis en St. Peterburgo la prepara komitato por **la kongreso de slavistoj.** Dume estis solvitaj kelkaj preparaj demandoj, kiuj estas gravaj ĝenerale por la slava filologio. Oni decidis, ke la kongreso fariĝu en la jaro 1904 aŭ en aŭgusto aŭ en septembro. Partopreni en la kongreso estos invititaj ne sole slavistoj rusaj, sed ankaŭ slavistoj fremdaj. Krom tio partoprenos ankaŭ institutoj kaj korporacioj rusaj kaj fremdaj, kiuj entute havas ian rilaton al la slavistiko. Pri la eldono de slava

enciklopedio estis decidita, ke ĝi estu eldonita sendepende de l' estonta kongreso kaj ke oni komencu tuj la necesajn antaŭlaborojn. Germana slavisto Götz proponis eldoni la enciklopedion en la lingvo germana, sed estis akceptita la propono eldoni ĝin ruse. La enciklopedio enhavos historion kaj celon de slava filologio, slavan etnografion, historion de slavaj nacioj, lingvojn, antikvaĵojn, literaturon, naciajn kantojn, arkeologion sociale-ekonomian kaj artan, leĝojn kaj socialajn cirkonstancojn kaj historion kulturan. La enciklopedio konsistos el monografioj, kiujn skribos specialistoj de ĉiuj slavaj nacioj. (»Hlídka«).

**Nombro da slavoj.** En la bohema revuo »Slovanský Přehled« (eliras en Praha, Bohemujo) profesoro Niederle elkalkulas, ke la nombro da ĉiuj slavoj estas 138,591.800. Apartaj gentoj slavaj: rusoj 95,300.000, poloj 19,125.000, bohemoj 9,500.000, serboj kaj kroatoj 8,210.000, bulgaroj 4,850.000, slovenoj 1,450.000, serboj lusaciaj 156.800.

En Vieno komencis eliradi en germana lingvo la gazeto »**Ruthenische Revue**«, kies celo estas konigi al la mondo la pleudojn, laborojn, penadojn kaj karakteron de l' malgrandrusoj. La revuo estas redaktata en la senco ukrajinofila.

**Internacia societo buddhista** fondiĝis sub la nomo »Buddhasasana Samagama or International Buddhist Society« en Rangoon (ĉefurbo en la angla india-provinco Birma en Azio.) La celo de l' societo estas: Vastigado kaj konigado de l' principoj de Buddhismo kaj studado de Pali, tiu lingvo, en kiu estas skribitaj la praverkoj de Buddhismo. La societo eldonados la organon »Buddhism«, kiu enhavos artikolojn pri Buddhismo de la plej gloraj aŭtoroj, tradukojn de buddhistaj verkoj kaj maloftajn Pali-tekstojn, artikolojn pri la buddhista arkeologio kaj revuon pri la buddhista literaturo kaj progresoj de Buddhismo. (»Der Vâhan«).

**Virina movado en Rusujo** atingis antaŭnelonge novan sukceson per tio, ke virinoj-instruistinoj povas instruadi ankaŭ en mezaj lernejoj knabaj.

**Publikaj bibliotekoj kaj legejoj** en Ameriko havas ordinare ankaŭ apartan parton por la infanoj kaj entute oni povas rimarki, ke la publiko amerika dediĉas tre grandan zorgon al la infanoj. Sola biblioteko en Pittsburg en la jaro 1900 estis vizitita de 200.000 personoj kaj en unu sola festtago vizitis la legejojn preskaŭ 20.000 da infanoj.

**La universitato en Tokio** (Japanujo) eldonas propran sciencan gazeton en la lingvoj angla kaj latina. Ĝia titolo estas: »The Journal of the College of Science, Imperial University of Tokyo, Japan«.

La 3-an de junio 1903 estis en Berlino **internacia kongreso de ĥemiistoj**. Nombro da partoprenantoj: ĉirkaŭ 3000. Ankaŭ multaj bohemoj ĉeestis kaj preskaŭ ĉiuj paroladis (Dro Nevole, inĝ. Herles, profesoro Stoklasa, Dro Jar. Formánek, direktoro Nýdrle, docentoj Anderlík, Hanuš, Votoček, Milbauer, profesoro Preis, prof. Mašín, direktoro Šetlík kaj aliaj). Prof. Stoklasa havis paroladon la 3. VI. 1903 pri eltrovoj, kiujn li faris koncerne procesojn ĉe spirado de kreskaĵoj kaj bestoj; li pruvis, ke la unua proceso ĉe spirado en la korpo besta estas alkohola fermentado. (»Čas«).

**A. Ĉeĥov**, konata verkisto rusa, fariĝis redaktoro de l' gazeto »Ruskaja Misl«, kiun volis aĉeti ankaŭ Maksim Gorkij.

La bohema pentristo **Jan Dědina**, vivanta en Parizo, fariĝis membro de »Société nationale des beaux arts«. —

**Nomaro de ĉiuj bestoj.** En la universitata presejo en Cambridge (Anglujo) baldaŭ estos finita presado de la 1-a volumo de l' nomaro de ĉiuj bestoj »Index nominum animalium«, kiun verkis C. Davies Shorborn. En ĉi volumo, kiu enhavos 1300 paĝojn, estas preskaŭ 60.000 da nomoj donitaj en la jaroj 1758—1800; ĝi estis pretigita sub la aŭspicio de l' aparta komitato kaj kun la helpo de 3 sciencaj anglaj societoj: British Association, Royal Society kaj Zoologial Society. (»Sborník«).

# KRONIKA — KRONIKO.

Z klubu esperantistů v Praze. Ve schůzi 17. VI. 1903, jíž zúčastnil se i zástupce »Klubu pro povznesení návštěvy cizinců v Praze« a předseda »Klubu turistů českých«, zvolen předsedou klubu Kraus, místopředsedou Kühnl Fr., jednatelem Kühnl Ed., náměstkem a zapisovatelem Barvíř, pokladníkem Görner, knihovníkem Herold, náhradníky Maleček a Blumauer, prohlížiteli Bičiště a Kamarýt. — Předsedou výboru výstavního zvolen Dvorský a členy Přikryl, Balík a Hainthalová. Zevrubnější zprávy o zamýšlené (v říjnu) výstavě oznámíme později.

V září nebo v říjnu zahájí klub 2 kursy učebné: *a*) pro nováčky (s volným vstupem pro každého) v některé škole pražské a *b*) pro vyspělejší esperantisty, v místnostech spolkových, vždy ve čtvrtek po schůzi výboru.

Jinak hodláme se vzájemně cvičiti a zaučovati v Esperantu i na společných výletech do okolí pražského.

El la klubo de Esperantistoj en Praha. En la kunveno 17. VI. 1903, en kiu ĉeestis ankaŭ vikario de l' »Klub pro povznesení návštěvy cizinců v Praze« kaj estro de »Klub turistů českých«, estis elektita nova komitato: Kraus — prezidanto, Kühnl Fr. — vica prezidanto, Kühl Ed. — sekretario, Barvíř — vica sekretario, Görner — kasisto, Herold — bibliotekisto, Maleček kaj Blumauer — anstataŭuloj, Bičiště kaj Kamarýt — revidantoj. — Kiel prezidanto de l' ekspozicia komitato estis elektita Dvorský kaj kiel membroj Přikryl, Balík kaj f-ino Hainthalová. Pli detalaj sciigoj pri la intencata ekspozicio (en oktobro) estos donitaj pli malfrue.

En septembro aŭ oktobro la klubo komencos 2 kursojn: *a*) por komencantoj en komunuma lernejo (povos ĉiu partopreni) kaj *b*) por Esperantistoj, kiuj jam lernis Esperanton, ĉiuĵaŭde en la sidejo de l' klubo, ĉiam tuj post la kunveno de l' komitato.

Alie ni ekzercados en Esperanto dum ekskursoj en ĉirkaŭajon de Praha.

Z návrhů přijato zejména, uspořádati zevrubný adresář členstva. — Schůze klubu budou bývati ve čtvrtek v místnostech spolkových, jež jednomyslně zvoleny v kavárně Tůmově.

Nová adresa klubu zní: »Klub Esperantistů« v Praze II, Lazarská, Tůmova kavárna.

*Kühnl Ed.*

Estis akceptita propono arangi detalan adresaron de l' membraro. — Kunvenoj klubaj farigados ĉiuĵaŭde en la sidejo de l' klubo, kiu troviĝas nun en la kafejo de Tůma.

La nova adreso de l' klubo estas: »Klub esperantistů«, Praha II, Lazarská, Tůmova kavárna.

# ORGANIZACIO DE KORESPONDADO.

## ORGANISACE DOPISOVÁNÍ.

Za heslem »Poznejme se!« — neboť kdo ví, kde může se poučiti, jest již poučen, jak dí staré tvrzení latinské: *Qui scit, ubi sit scientia, habenti est proximus* — zahajujeme tímto článkem za příkladem »Revuo Internacia« novou rubriku, již nazvali jsme a označovati budeme nadpisem »*Organizacio de korespondado*«, nebo dle potřeby značkou **O. K.**

Že počin tento vážného je významu a nemalého dosahu, patrno jednak z obecného souhlasu, jehož doznal v »Revuo Internacia«, jednak ze záhlaví *dotazníku* samého, jejž, pokud se tak ještě nestalo, dovolujeme si k tomuto číslu přiložiti, žádajíce přátel svých, aby si neobtěžovali jej vyplniti a co nejdříve nám zaslati.

Laŭ devizo »Ni ekkonu nin« — ĉar kiu scias, kie li povas ion eklerni, jam eklernis, kiel diras malnova latina certigo: *Qui scit, ubi sit scientia, habenti est proximus,* — per ĉi tiu artikolo, imitante »Revuon Internacian«, ni malfermas novan rubrikon, kiun ni nomis kaj nomos »*Organizacio de korespondado*«, aŭ laŭ bezono signos per **O. K.**

Ke ĉi tiu aranĝo havas gravan signifon kaj atingon, estas videbla parte el ĝenerala konsento, kun kiu ĝi estis akceptita troviĝante en »Revuo Internacia«, parte el titolo de *demandaro* mem, kiun ni sendas kun ĉi tiu Nro al tiuj, kiuj ĝin ankoraŭ ne ricevis, petante niajn amikojn, ke al ili ne estu ĝena plenigi ĝin kaj plej baldaŭ resendi al ni.

**Vysvětlení značek:**

***L*** = čte, ***S*** = píše, ***P*** = mluví jazykem . . . (první jest jazyk mateřský), ***Dez*** = přeje si dopisovati nebo dostávati zprávy o. . . ***D*** = podává zprávy o . . , ***K*** = sbírá . . , ***R*** = odpovídá. Konečně jest uvedeno zvláštní přání. * = rok narození.

**Klarigo de signoj:**

***L*** = legas, ***S*** = skribas, ***P*** = parolas en lingvo. . . (unua estas lingvo gepatra), ***Dez*** = deziras korespondi aŭ ricevi sciigojn pri. ., ***D*** = donas sciigojn pri . . ., ***K*** = kolektas . . . . ***R*** = respondas. Fine sekvas aparta deziro. * = jaro de naskiĝo.

**1. Aŭstrujo. Bohemujo.** PRAHA-II, Lazarská 1719. *Kühnl Eduard,* studento de teknika lernejo. ***LSP:*** bohema, germana, franca, Esperanto. ***L:*** latina. ***Dez:*** Sciigoj pri Esperanta movado, pri fotogra-

faj kaj elektra-teknikaj progresoj, pri maniero kiel enkonduki Esperanton inter komercistaro kaj scienculаro. *D:* Kiel ĉe *Dez.* *K:* Interŝanĝo de poŝtaj kartoj kun lokaj vidaĵoj. *R:* Ĉiam, tuj, ĉiel. — Mi deziras konatiĝi kun Esperantistoj (precipe francaj) por povi ilin viziti dum mia vojaĝo Praha-Parizo.

**2. Francujo.** PARIZO, rue Victor Considérant, Nro 3. Dro *Gustav Philippet,* kuracisto. *LSP:* franca, germana, Esperanto. *Dez:* Pri plej praktikaj rimedoj por kontraŭstari al teruraj progresoj de alkoholismo. Pri kia aĵn medicinaĵo. Pri popolaj moroj en diversaj landoj. Pri verkado de plena medicina vortaro de lingvo internacia. *D:* Tre volonte donos sciigojn pri Francujo. *K:* Poŝtaj kartoj ilustritaj. *R:* Ĉiam, tuj, ĉiel. — Mi konatiĝus tre plezure kun nefrancaj alkoholabstinentoj.

**3. Azio Orienta.** Urbo DALNIJ. *Nikolaj Aleksandrovič Kazi-Girej,* inĝeniero. *LSP:* rusa, franca, angla, Esperanto. *L:* germana. *D:* Mi povas esti utila per konsiloj kaj informoj, per miaj scioj specialaj (profesiaj) kaj entute per mia laboro. Mi respondos ĉiam plezure al ĉiu Esperantisto, kiu bezonos mian helpon por ia sia afero efektiva. *R:* Per leteroj nur en Esperanto. * 1866.

**4. Germanujo.** LEIPZIG-V, Eisenbahnstrasse, Nro 123. *Oskar Schönberg,* komizo eldonista. *LSP:* germana, franca, angla, latina. *LS:* Esperanto. *L:* itala. *Dez:* Pri librovendistaj moroj en fremdaj landoj. *D:* Mi donos sciigojn pri komerco de libroj en Leipzig. *R:* Per leteroj kaj kartoj (ankaŭ ilustritaj). * 1875.

**5. Rusujo.** ORENBURG. *Anatolij Bogomolov,* profesoro de geografio kaj naturscienco. *LSP:* rusa. *LS:* Esperanto, franca, germana. *Dez:* Pri instruado de geografio kaj naturscienco en diversaj landoj (precipe pri lernolibroj kaj lernohelpiloj). *D:* Laŭ ebleco mi donos volonte sciigojn pri Rusujo. *R:* Ĉiel. — Internacia eldono (por instruado kaj publiko) de ilustracioj de vivo societa, privata kaj strata, kaj de loka naturo en diversaj landoj kun klariganta teksto Esperanta.

**6. Aŭstrujo. Tirolujo.** INNSBRUCK, Adolf Pichlerstr. Nro 8. *Fredriko Brych,* milita subintendanto. *LSP:* bohema, germana, franca, angla, Esperanto. *LS:* rusa. *Dez:* Pri ŝtata libroteпado kaj pri milita rajto kiel parto de ŝtata kaj jurista scienco. *D:* Reciprokaj sciigoj. *R:* Per leteroj aŭ kartoj. — Mi *ne* kolektas nek kartojn ilustritajn nek poŝtajn signojn.

**7. Portugalujo.** Provinco Beira Alta. REZENDE, Portella. Dro *Manuel Ribeiro da Costa e Almeida,* kuracisto. *LSP:* portugala, franca, Esperanto. *LS:* hispana, angla, itala. *Dez:* Pri progresado de Esperanto. *D:* Mi povas esti utila per mia profesio. *R:* Per poŝtaj kartoj.

**8. Aŭstrujo. Bohemujo.** PRAHA, Ječná 11. *Theodor Tychtl,* banka oficisto. *LSP:* bohema, germana, Esperanto. *LS:* franca, rusa. *Dez:* Progresoj de Esperanto. Pri sporto, precipe pri velado kaj remado. Pri komerco. *D:* Mi donos klarigojn kaj konsilojn pri valoraj paperoj, pri alilandaj kambioj kaj borso. *R:* Ĉiam, tuj. — Alkoholabstinento kaj vegetariano. Deziras multe korespondi kun Esperantistoj.

Redaktor: Krumpholc Jos. — Vydavatel: Čejka Th.
Tiskem »Družstva knihtiskárny«, Hranice.